*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 09/05/2019 Kvarcentdudekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 824,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 329,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 304,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 191,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.67






**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**

P.A.G. klarigis al ni la kazojn, kie la Verbo havas kun si Predikativon, en la formo de Adjerktivo aŭ Substantivo. Jen ekzemploj: "Ili ESTIS FELIĈAJ."; "Ŝi ASPEKTAS LACA."; "La kokinoj RESTOS TIMEMAJ."; "Vi JUĜATUS STULTAJ."; "Ne BANU ĉi tie NUDAJ."; "Ŝi RESTIS PREZIDANTO en la elektoj."; "Li NOMIĜAS PETRO."; "Li FARIĜOS PLUMBISTO."; "RESTU TRANKVILAJ.", "Ne IĜU STULTA."; "Mi RESTIS OPTIMISTO ĝis la fino.".

La Predikativo, anstataŭ esti Adjektivo aŭ Substantivo, povas esti ankaŭ alia kategorio aŭ frazo. P.A.G. mencias ilin en paragrafo 169. Jen ekzemploj:

1). Infinitivo: "Por mi ĉasi tigrojn ESTAS EKSTERMI ilin"; "Ŝi ŜAJNAS TIMI tiun hundon". Infinitivoj ofte uzatas ĉe la Objektaj Predikativoj: "Ni VIDIS lin FALI"; "RETROVENU ALPORTI al mi la de ci luitan biciklon"; "Kiam mi estis en Usono, mi strange ne VIDIS iun ajn PORTI armilon"; "Ŝi ATENDIS min LUDI manfutbalon, sed mi tion ne faris". "Ami ESTAS MORTI iomete"; "Ŝi DEVIGIS min FORIRI"; "Ŝi TROVIS la knabon LUDI en la ĝardeno"; "LASU lin LUDI tie". Post legi la predikativon en formo de Adjektivo, Substantivo. kaj Infinitivo, venos aliaj venonte.

*Marcel Leereveld*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 4a de majo estis la unua sabato. Venis Roger, Michael kaj John. Malmultaj anoj sed bona kunveno. *Roger S.*





# Ĉu la arboj en mia ĝardeno rajtas kreski siavole?

## LA RAJTOJ DE PARLAMENTANOJ .



Mi konsentas kun la jenaj proponoj de pluraj homoj.

Proponoj por igi politikistojn surŝultrigi, kunhavi, siaparte la socian ŝarĝon nun ke finiĝis la "Epoko de Rajteco" (*Age of Entitlement*):

**1e**. Ni ĉesigu politikajn pensiojn ĉar parlamentanoj povas aĉeti sian propran emeritiĝplanon, same kiel plej multaj aliaj dungitaj aŭstralianoj devas fari.

**2e**. Emeritaj parlamentanoj, intaj kaj antaj kaj ontaj, devas peti helpon ĉe *Centrelink* (Centra Kunigo). Parlamentanoj ricevadas altan salajron dum dungiĝado, sed kiam nedungataj ili devas ne ricevi salajron, same kiel ni. Nepluaj parlamentanoj subsepdekjaraĝaj serĉu laboron aŭ petu ĉe *Centrelink* senlaborpagon kiel devas fari ordinaraj aŭstralianoj.

**3e**. Mono jam provizita al la emeritiĝfonduso de la parlamentano devas tuj retropagati al *Consolidated Revenue* (Kombinitaj Enspezoj). Ĉi tiu mono povos uzati por pagi de parlamentanoj kreitan ŝuldon, kiun ŝuldon ili atendas retropagati de ni kaj de niaj genepoj.

**4e**. Parlamentanoj ne plu rajtu voĉdoni por mem pliigi sian salajron, kiu salajrpliigo okazu laŭ la plej malalta de aŭ la *CPI* aŭ 3%.

**5e**. Parlamentanoj devas ne plu ricevi sian privilegiitan sanzorgsistemon kaj partoprenu en la sama sanzorgsistemo kiel ordinaraj aŭstralianoj, t.e. parlamentanoj AŬ pagu por propra privata asekuro AŬ akceptu la ordinaran *Medicare* (Medicinzorgo).

**6e**. Parlamentanoj devos egale obei ĉiujn leĝojn kiujn ili kreas por la aliaj aŭstralianoj.

*Marcel Leereveld.*

## LA INTERNACIA ASPEKTO DE ESPERANTO .

Ekzistas homoj kiuj plendas, ke nia lingvo estas kaj aspektas tute eŭropeca, kaj ke ni devas doni al ĝi pli internaciajn enhavon kaj aspekton. Ili proponas krei neologismojn prenitajn el lingvoj de aliaj kontinentoj.

Mi malsamopinias pro la jenaj tialoj:

**1).** Por teni la lingvon facile lernebla, konsilindas formi preskaŭ ĉiujn novajn vortojn (por novaj nocioj precipe teĥnikaj kaj kulturaj) per la kunmetado de jam ekzistantaj oficialaj radikoj Esperantaj.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

**2).** La aspekto de lingvo ne gravas por ĝia propagando, ĉar ne-Esperantistoj ne legas Esperantaĵojn.

**3).** Ekzemple azia vorto eble uzatas en kelkaj aziaj landoj, sed ofte ne rekonatas en Afriko kaj Sudameriko.

**4).** Eŭropa komencanto en Esperanto devas same zorgeme lerni Esperantajn eŭropdevenajn vortojn kiel neeŭropano, ĉar ofte la Esperanta literumo de vorto malsamas al la literumo en la nacia eŭropa lingvo. Eĉ okazas ke samsona Esperanta vorto havas alian signifon en la etna, ekz. "kontroli" ne signifas la anglan "*control*" (= regi, direkti), nek "sugesti" signifas "*suggest*" (= proponi, proponeti), nek "demandi" (= *ask*) signifus "*to demand*" (= postuli).

**5).** La plejmulto el la Esperantaj vortoj en ordinara teksto tute ne rekoneblas al ne-Esperantisto nek al lernanto de Esperanto, kaj do same malfacilas lernati de eŭropano kiel de neeŭropano. Uzo de neeŭropaj vortoj do neniel helpus, kaj la Esperanta teksto aspektus al ĉiuj komencantoj fremda. Prenu la jenan ekzemplon: "La malĝojaj batalintoj kuŝas hodiaŭ ene de la malsanulejo". Eĉ se li/ŝi rekonus "ĝoj", "batal", "de", "la", kaj "san", la komencanto neniel komprenus la frazon; ĝi por li/ŝi aspektus same fremda kiel por ĉino, kaj por progresinta ĉino same komprenebla kiel por progresinta eŭropano.

Konklude mi do diru, ke pro la multegaj derivaĵoj kaj vortkunmetaĵoj, kaj eĉ pro la nekutimaj verbfinaĵoj, Esperanto aspektas neeŭropeca, kaj do aspektas internacia, kaj la neeŭropanoj komprenas la lingvon, parte pro ĝia neetna aspekto, same rapide kiel la eŭropanoj.

*Marcel Leereveld.*

## P O E M O .

Pasintan jaron mi publikigis en "A. E." la tre belan poemon pri Parizo atan de Len Newell. Ĉi sube vi trovos alian poemon lian, kompreneble originalan en Esperanto:

### F I L O Z O F O .

Mi prunteprenis libron el la librar' publika,
Ĉar jukis mian menson demand' metafizika.
Sur paĝo dudeksepa mi trovis araneo';
Ĝi volis filozofi, sed trafis la pereon.

Anstataŭ kapti muŝojn, ĝi retis mondenigmon,
Lasante sur la paĝo realan esto-stigmon.
Komence de la vorto "epistemologio"
Ĝi ŝpinis en direkto de la koncepto "scio"
Pri l'fenomena kosmo kaj la etern-ideo:
La libron iu fermis: adiaŭ, araneo.

_ _ _ _

("Epistemologio" = teorio pri esenco kaj limoj de sciado). M. L.

**Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE**

## ĈU IU MEMORAS LA SKANDALON OKAZINTAN EN 1934?

Maljunaj legantoj de "A. E." eble memoras, kio okazis en la fino de la jaro 1934.

Mi havas en mia mano eltranĉaĵon el nederlanda ĵurnalo de Merkredo 24 Oktobro 1934, kiu montras planmapon pri Melburno, kaj planmapon pri la internacia flughaveno kiu tiam situis en *Essendon*, kun indiko de la fortotensiodratoj ĉirkaŭ la flughaveno, kiujn ĉiu flugmaŝino devis eviti (sed ne ĉiam sukcesis!). La mapo de Melburno montras la tiam ankoraŭ ekzistantan flughaveneton "*Coope Island Airport*" tre apudan al la centro de Melburno.

Kial la mapoj? Nu, en tiu jaro oni organizis konkurson de flugmaŝinoj, do ankaŭ de la kapablo de iliaj pilotoj, inter Londono kaj Melburno laŭ Sidneo. Ĉeestis du specoj de konkurso, unu por pasaĝerflugiloj kaj unu por ŝarĝflugiloj. Partoprenis la kompanioj de pluraj landoj, ankaŭ la nederlanda K.L.M. (=*Koninklijke Luchtvaart Maatschappij = Kingly airfare mateship* = Reĝa Aer-vojaĝa Asocio). Kiam la flugmaŝinoj eniris Aŭstralion, la du unuaj estis la KLM-flugiloj. Tio tre ĉagrenis la organizantojn britajn kaj aŭstraliajn, kiuj ja organizis la konkurson por reklami la Britan Aerkompanion. Sed oni trovis solvon . En Aŭstralio funkciis kontrolstacioj, kiuj ankaŭ ordone indikis al ĉiu flugmaŝino en kiun direkton flugi. Kaj ĉiuj devis pasi tra Sidneo. Do kiam la unua alvenanto, la pasaĝerflugmaŝino de KLM, alproksimiĝis al Sidneo, la kontrolstacio ĵus antaŭ Sidneo indikis al la KLM-flugmaŝino rekte flugi al Melburno. Tiel oni povis malkvalifiki tiun flugmaŝinon, ĉar ĝi ne iris tra Sidneo, kaj la brita gajnis. Oni ne faris tion al la ŝarĝflugmaŝino. Protesto ne helpis, kaj KLM komprenis, ke pro patriotaj kaj komercaj tialoj tio devis okazi, speciale ĉar la ŝarĝmaŝino de KLM ricevis la unuan premion en sia klaso. Kaj en la tuta mondo oni eksciis pri la falsa rezulto, kiu tial ŝanĝiĝis al reklamo por K.L.M. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Universala baza enspezo (UBI)



## Por pli kontentiga kaj sekura mondo

Universala baza enspezo (UBI) estas simpla ideo: perioda konstanta pago senkondiĉe transdonita al ĉiuj individuoj, sen rimedo-testado aŭ labora postulo.

Ĝi devos esti minimuma sed sufiĉe granda por ebligi ĉiujn vivi kun homa digno, kun manĝo kontraŭ mortmalsato, akvo, vestoj kaj loĝejo kontraŭ la klimato, elektro por komuniki kun la mondo ktp.

### Tio helpos solvi multajn problemojn de la tuta homaro

Sklavoj ne ekzistos. Inoj foriros de la laborejo, se la estro agas fie. Do estroj traktas siajn gelaboristojn pli bone/zorge/respekteme. Laboristoj ne devus agi fie, ĉar ili havos la eblon eskapi el teruraj situacioj sen zorgo de sia estonteco.

La situacioj kuraĝigante sinmorton malgrandiĝos. Homoj ne vivus en severaj situacioj

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



Oni ne devus ŝteli aŭ murdi por eviti fruan morton/malsaton.

Oni ne devas timi la komputerojn kaj maŝinojn, kiuj anstataŭas onin en la laborejo.

**Kiu venigos la monon? Kio estas mono? Registaroj neniam havas problemon financi militojn.**

**Kion vi opinias?**



*Roger Springer*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,

13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj



Nia kunveno de la Toowoomba Esperanto Societo okazis en Clifton, sude de Toowoomba, kaj hejmurbo de nia kara estimata grandaĝa Geoff Bell. Ni ankaú celebris la datrevenon de lia naskiĝtago. Foto supre.

Esperantistoj kunvenis en la bela Clifton Biblioteko.
Foto dekstre



Sendis *Peter Danzer*




*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



**Sen konsulto, La Ĉefministro de Aŭstralio mem rajtas fari militon.**



Hontinda afero. http://www.warpowersreform.org.au/ *Roger Springer*






**La Nord-Okcidenta Regiona Esperanto Kongreso 27/28 septembro, 2019 (NOREK)** Programoj: Kulturaj programoj okazos en la Mary Winspear Centre. Vendredon, la 27an de septembro, je la sepa horo vespere okazos bonvenigoj kaj kulturaj programeroj. Sabaton, inter la 9a horo matene kaj la 3a horo ptm estas tempo por ekskursoj kies kostoj estas ene de la kotizo kiun vi pagas $40.00. Je la 7-a vespere okazos amuzaj programeroj, kantado, kaj teatraj programoj en la Mary Winspear Centre. Matene de la 29-a estos komuna mantenmanĝo en la Best Western Emerald Isle, kaj adiaŭoj.

Se vi mendas lokon en la 'Best Western Emerald Isle' nepre menciu ke vi estas kun la grupo: The Esperanto NOREK Conference. . Anoncu vian bezonon al <wallydutemple@telus.net>



# 22-a Aprilo: UN-internacia tago de la Tero

Dum tiom da tempo, ni ĉiuj, loĝantoj de la Terglobo, estas avertitaj pri la ege maltrankviligaj konsekvencoj pro la granda detruado de la Natura medio, kies kaŭzoj devenas el la agoj de la homoj mem.

Konsiderante la urĝan solvon de tiu gravega problemo de tutmonda amplekso, la verkisto Paiva Netto, per interesa artikolo, invitas nin pensi pri la respondeco de ĉiu el ni koncerne mediprotektadon, antaŭ ol estos tro malfrue por la luprenintoj sur la Tero.

Kiel atentigo pri la temo, li asertas: "La detruo de Naturo estas la estingo de Homa Raso". Do nepre legu tiun artikolon, kiu estas atingebla per tiu ĉi malsupra ligilo

*Maria Aparecida da Silva* www.bonavolo.com Homo: Estingiĝanta Specio





**3zzz**



Mi atentigas la membrojn de la Esperanto-grupo en 3ZZZ ke la jarkunveno okazos la 27an de majo je la 2.30 ĝis la 4.30 posttagmeze en le kunvenĉambro de la radiostacio 309 Albert strato Brunswick . Ne estas elektojaro sed se vi havas rimarkojn pri la programo , kiujn vi deziras ke ni traktu dum la kunveno, bonvolu sciigi min. Se vi loĝas en Melburno aŭ apud Melburno bonvolu ĉeesti kaj vigligi la grupon *Franciska Toubale*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***